# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 13/10/2016 Ducentnaŭdekunua eldono 13/10/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **560,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## Pri Vortpluformado.AE 290



Karaj Roger kaj Marcel,

mi ŝatus kopii la artikolon de Marcel Vortformado en mian retejon www.bonalingvo.net. Ĉu vi donas al mi la permeson kaj sendas tiun tekston en manipuleblan formon (word aŭ simpla teksto, NE PDF-a)?

Amike

Renato Corsetti

*Marcel konsentis kaj Roger sendis la artikolon en „word" formto al Renato* *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo

Venu la venontan Sabaton.la 15an de Oktobro. Manlio dum somera vetero estas eĉ pli alloga ol dum vintra vetero La vojaĝo per la pramŝipo estas mondfama kaj nia klubo tre amikema. *Roger S*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Kiel oni fariĝas ekskomencanto."

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.







http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine_

Vi bezonas nur 5 minutojn ĉiun tagon por tiu programo. ☺

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj ĉiutage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# Tekstaro de Esperanto: tre utila retejo por esperantistoj



(Bazita sur prezentado ĉe Esperanto-Domo, la 2-an de Oktobro 2016)

**Tekstaro.com** estas serĉebla datumbazo de 69 gravaj Esperanto-tekstoj, inkluzive de 20 de Zamenhof, kaj ankaŭ artikoloj de la revuoj "Monato" inter 1997 kaj 2003, kaj "La Ondo de Esperanto" inter 2001 kaj 2004.




Por serĉi vorton (aŭ vortojn), oni simple entajpu, elektu la tekstojn en kiuj serĉi (aŭ alklaku la butonon "Ĉiuj") kaj fine alklaku la butonon "Serĉi". (Notu: oni povas tajpi per aŭ realaj literoj, aŭ la "x-sistemo".) Jen (la unua parto de) la trafoj por la tekstoĉeno "pli malpli":



Se vi alklakas la vortojn ruĝajn, vi vidos iom da kunteksto. Kaj, se vi poste alklakas "Pli da kunteksto", vi vidos la tutan ĉapitron, aŭ artikolon, en kiu la tekstoĉeno aperas.

Ni diru, ke vi serĉus la mallongan vorton "pli". Kio okazos? Jen:

**100 trovoj en *Artikoloj el Monato***

Kial iuj maljunuloj grumblas kaj trudas sin al pli junaj, postulante zorgojn aŭ tedante per siaj k
al plu vivi: por konsili al Astedia pri tio, kiel plibongustigi fromaĝojn; por kanti la trian voĉon e
festo de la infano de Izabela kaj Izidoro. Aŭ ĝis pli poste. Se entute." (p. 61)
el vivi plu?" estas demando, kiu bonvenas laŭeble pli frue. Sed preferindas, se jam en infaneco estus
kiu scias tute certe, ke li povas iĝi piloto. Eĉ pli – li povas iĝi homhelpanto, kaj lia vivo pleniĝ
patia homo, sed vi kondutas kvazaŭ ne ekzistus io pli grava, ol viaj paperaĵoj kaj viaj poŝtmarkoj!"
Jes, eblas diri, ke en la vivo ĉio estas multe pli komplika. Ke la intrigo estas tro naiva, primit
eblas diri, ke en la vivo ĉio estas multe pli komplika. Ke la intrigo estas tro naiva, primitivigita
mo kaj la altaj idealoj. Pri tio, ke la amo estas pli valora, ol rasaj baroj. Pri tio, ke necesas mul
u legi por ekscii, kio do okazas ĉe ĉiu bildo. Ju pli vi "enviviĝas" en la intrigon, des pli vi harmo
bildo. Ju pli vi "enviviĝas" en la intrigon, des pli vi harmoniiĝas kun la ilustraĵoj – jen amuzaj,
di laŭ ties bordo ambaŭflanke. Ĝiaj hidraŭlikaj ŝipliftoj estas en la listo de tutmondaj heredaĵoj de

Vi trovus la vorton "pli", sed ankaŭ la vortojn "komplika" kaj "ŝipliftoj". Vi *povus* simple ignori tiujn netaŭgajn rezultojn, aŭ uzi specialajn signojn. Ĉe la serĉopaĝo estas ligilo "Klarigoj kaj helpo". Se vi alklakas tion, kaj poste "Specialaj signoj", vi vidos tre longan kaj komplikan liston de kodoj, kiujn oni povas uzi por igi la serĉon pli specifa. Nu, mi certe ne timas komputilajn teknikaĵojn, sed eĉ por *mi*, tiuj eksplikoj estas *multe* tro komplikaj! Do, mi decidis krei paĝon, kiu havas – laŭ mi – nur la plej gravajn kodojn, eksplikitajn kiel eble plej simple:

**doctordada.com/tekstaro-helpilo.html**

Ĝi eksplikas, ke la kodo "\b" signifas vortlimon. Ekz-e "\bsen" donus trafojn nur kiam "sen" aperas ĉe la *komenco* de vorto. Tamen, "\bsen\b" trafus nur la vorton "sen" (*ne* vortojn kiel "esence" aŭ "senila" k.t.p.).

La kodo "\FI" ĉe la fino de radiko trovus tiun radikon kun iu ajn el la eblaj kombinoj de gramatikaj finaĵoj. Ekz-e "\binteres\FI" trafus la vortojn "intereso", "intereson", "interesojn", "interesa", "interese", "interesi", "interesas" k.t.p. (sed *ne* la vortojn "seninteresa", "interesiĝi", k.t.p.).

Por trovi nur verbo-formojn de vorto, oni uzu, ĉe la fino, la kodon "\VF".

Por trovi nur o-formojn de vorto (t.e., substantivojn), oni uzu "\OF".

Por trovi nur participo-formojn de vorto, oni uzu "\VF".

Kaj tiel plu…

En ĉi tiu artikolo, mi nur priskribis la plej utilajn funkciojn. Mi sugestas ke vi esploru ĉiujn agordojn kaj butonojn.

Eĉ aparte de la tre potenca serĉilo, Tekstaro estas ankaŭ reta biblioteketo de 66 tre gravaj kaj imitindaj tekstoj por legi. Alklaku la etan "M"-on antaŭ titolo, kaj poste la ŝprucfenestran tekston "Montri kiel HTML-on". La teksto aperos en nova fenestro aŭ folio.

Resume, Tekstaro estas tre inda ilo por ĉiu esperantisto. Mi ege rekomendas ĝin.

Jonathan Cooper

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# El Adelajdo





Nia lasta kluba kunveno okazis la 5-an de Oktobro. La ĉefparolanto estis Michael Carney. Kun granda amo li prezentis al ni sian pinkan faldeblan biciklon de la tipo Brompton. Pere de multaj bildoj ni vidis la vivon de Michael kaj lia bela biciklo en Melburno - kaj iom en Adelajdo. Katja Steele

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Estimata samideano Roger**
**Niajn amikajn salutojn al Vi!**

# Internacia Tago de Mensa Sano
## 10-a de Oktobro



La Monda Organizaĵo pri Sano konsideras mensan sanon prioritato kaj argumentas ke la problemo de mensa sano estas ne strikte problemo pri sano.

Fakte tion montras pensiga raporto fare de Legio de Bona Volo (LBV). Per informdona, kortuŝa intervjuo, kiu inkludas filmeton kun esperanta subteksto, LBV faras sian kontribuon perrete.

Ĉu Vi interesiĝas pri tiu temo? Se jes, Vi certe ŝatos spekti tiun filmeton. Vi aliros al tiu raporto ĉe:
Skizofrenio: Esploristo rakontas kiel li vivas kun tiu malsano
El la centra sidejo de LBV en urbego San-Paŭlo de Brazilo, fratinece, sukcesodezire,
Maria Aparecida da Silva

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estimata amiko *Roger Springer*
Koran saluton el bela Brazilo!

Nome de la teamanoj de Esperanto-fako de \\Legio de Bona Volo (LBV), ni tre dankas vin, viajn laborgrupon kaj daŭrajn kunlaborantojn pro aperigo en via plaĉiga *Aŭstraliaj Esperantistoj* n-ro 290 nian anoncon pri la Internacia Tago de Instruistoj.

Kiel danko, ni dediĉas al via koro tiun malsupran eldiraĵon de la edukanto Paiva Netto: *"Animo ne troviĝas nur tie, kie ĝi vivas, sed ankaŭ tie, kie ĝi amas. Por la koro, ne ekzistas distancoj netranspaseblaj".*

Ni deziras al Vi bonfarton, kaj ankaŭ esperas pri pludaŭra kontakto.
El la centra sidejo de LBV en urbego San-Paŭlo,
samideane, fratamike, Maria Aparecida da Silva

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kursoj novstilaj por instruontoj, video-tradukemuloj

> From: "Xavier Godivier zav@esperanto-panorama.net [esperanto-informoj]"
> Kursoj dum 7 tagoj por komencantoj, progresantoj kaj instruontoj, 24. Oktobro - 1. Novembro 2016 Informoj rete <http://gresillon.org/a>. > /Bonvenon!



Anonco pri AŬTUNE 2015 en EPĈ - Sceno - Infolocale.fr



**Kulturdomo de Esperanto - Kastelo Greziljono**
St. Martin d'Arcé, 49150 BAUGÉ-EN-ANJOU, France
+33-2.41.89.10.34

Mapo de la retejo • Kontakto • Leĝaj mencioj • Ensaluti • RSS 2.0

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

.

**2016-10-06 AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (06/10/2016) ĉeestis: Indrani, Joanne, Jonathan, Heather, Sandor - kaj Bradley el NZ

**VENONTA KONGRESO/SOMERKURSARO EN BRISBANO 06 – 15 Januaro 2017**

*Daniel Kane ne povos instrui la progresantojn dum la kursaro. Franciska Toubale anstataŭos lin.

Jomo tutcerte venos, eble eĉ kun sia edzino Irena.

Ni komencis negoci ankaŭ kun la tri aliaj eksterlandaj gastoj pri la vizoj, biletoj kaj iliaj kontribuoj dum la kongreso/kursaro. (Indonezia vespero, Timora vespero….)
Rizki kaj Errlangee el Indonezio kaj Cornelio el Orienta Tomoro

**KAEM (KOMISIONO pri AZIA ESPERANTO MOVADO)**

Antaŭ du semajnoj AEA aliĝis al KAEM. Dum nia venonta kunveno Inumaru (Vic-prezidanto de KAEM el Japanio) kaj Enkhee (Mongolio) partoprenos

**NOVZELANDO**

Bradley el Novzelando partoprenis kaj ĝisnunigis nin pri la situacio en Novzelando.

La venonta Skype kunveno: Jaŭde, 2-a de Oktobro, je la 17:00-a/16:30-a

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# 3ZZZ



**En la elsendo de la 10a de Oktobro eblas aŭskulti kelkajn kantojn de Jomo, kiu ĉeestos la kongreson en Brisbano en Januaro 2017.**
**Tiujn, kiuj ne povas dormi sufiĉe bone la konsiloj de Matt povos helpi .**
**La kortuŝaj vortoj de Bana Alabad el Sirio malproksimigas de ni la konflikton en tiu lando.**
**Aŭ eble interesos vin la opinio de Marcel pri la sorto de domoj en Aŭstralio.**
**La radiotono ankoraŭ ne finiĝis. Se vi ne jam sendis donacon , tio eblas. Kontaktu Henry retpoŝte henryngb@bigpond.com aŭ telefone (03)59832731**

**Franciska Toubale**